## ENHAVO

**Intervjuo kun la nova redaktoro de Kontakto** ........ 3

**Unufoje en Savano...**

Ĵenja Amis, Ukrainio/Usono ........ 4

**La antikvaj moroj de la konganoj**

Arlain Kizeydioko, Kongo ........ 8

**La Ĉernobila katastrofo**

Miroslav Hruška, Ĉeĥio ........ 9

**En la akvujo**

Gabrielo Olúbùnmi Òshó-Davies, Niĝerio/Ĉinio ........ 11

**Perreta lingvolernado**

Judith Meyer, Germanio ........ 13

**Tertremo en Tangshan, 1976**

Yu Jianchao, Ĉinio ........ 14

**Interŝanĝi poŝtkartojn**

Sergej Korol, Rusio ........ 16

### Kiel sendi kontribuojn al Kontakto?

- ✓ Sendu prefere tekston originale verkitan en Esperanto aŭ foton/bildon memfaritan.
- ✓ Se vi sendas tradukon, bv. indiki la originajn fontojn, lingvon kaj aŭtoron. Ĉe fabelo indiku, ĉu ĝi estas popola (kaj de kiu popolo) aŭ verkita de vi.
- ✓ Kontakto ne estas movada revuo, do ne sendu al ĝi primovadajn raportojn!
- ✓ Indiku, ĉu via artikolo jam aperis, aŭ estas proponata al alia revuo.
- ✓ Fotoj devas esti bonkvalitaj, ne gravas ĉu nigrablankaj, ĉu koloraj. Ne forgesu aldoni la nomon de la artisto aŭ de la fotinto!
- ✓ Dikajn kovertojn prefere sendu registritaj.
- ✓ Rete bonvolu sendi vian artikolon kiel kutiman retmesaĝon aŭ RTF (bv uzi x-kodon por supersignaj literoj); bildojn – kiel JPEG (150-300 dpi)
- ✓ Ilustraĵoj kaj adresoj en la interreto, kiuj rilatas al via temo, estas tre bonvenaj!

**Saluton, karaj legantoj de *Kontakto*!**

Kiel vi eble jam scias, venis al mi la tempo saluti vin lastfoje, almenaŭ en la rolo de la redaktoro. Ekde la sekva numero nia revuo havos jam novan gvidanton (la intervjuon kun li vi povos legi jam en tiu ĉi numero) – kaj mi jam anticipe deziras al li sukcesojn pri tiu malfacila, sed tamen damne interesa laboro!

Tutcerte, mi adiaŭas vin kun iom da malĝojo. La laborado por *Kontakto* estis ne nur interesa, sed ankaŭ tre krea okupo. La okupo, kiu instigis min ĉiam fari la plejeblon, kiu devigis min konstante perfektiĝi, kiu helpis al mi kreski super mi mem en multaj rilatoj. Sed la plej granda plezuro de tiu ĉi laboro, certe, estis la ĝuo ricevi viajn kontribuojn kaj reeĥojn, foje kritikajn, sed pli ofte – subtenajn. Certe, ne ĉio, kion mi planis kaj derizis, estis realigita, tamen mi modeste esperas, ke la revuo dum la tempo de mia redaktado estis por vi interesa kaj informoplena.

Adiaŭante vin mi dezirus ankoraŭfoje danki kaj ĉiun kunlaboranton, kaj ĉiun "simplan" leganton aparte – sen vi la revuo ja ne ekzistus! Mi sincere deziras, ke la laboro de la nova redaktoro daŭrigu kaj evoluigu la plej bonajn tradiciojn de la revuo; mi ankaŭ alvokas vin ĉiujn aktive legi *Kontakton* kaj kontribui al ĝi – ĝi ja estas nia komuna revuo!

Adiaŭe salutas kaj dankas vin ĉiujn
Paŭlo,
*paulo.mojxajev@gmail.com*

### Temoj de la venontaj numeroj de *Kontakto*

**Numero 239 (2010:5).** *La ĉef-temo:* ***"Juneco"***. *Juneco estas, certe, la plej bona aĝo, tamen, kun siaj propraj problemoj kaj malfacilaĵoj. Kiaj estas la avantaĝoj kaj malavantaĝoj esti juna? Kiajn specifaĵojn havas la juna aĝo en diversaj landoj de la mondo? Rakontu pri viaj spertoj kaj kundiskutu!* ***Rapidu pri la kontribuo.***

**KONTAKTO**: Dumonata socikultura revuo de **Tutmonda Esperantista Junulara Organizo** (TEJO), eldonata de **Universala Esperanto-Asocio** (UEA). Fondita en 1963. **N-ro 238(2010:)**, 45-a jarkolekto. **ISSN** 0023-3692. **Legata** en ĉ 90 landoj. **TTT-paĝo:** <http://www.tejo.org/node/7>. **Eldonanto** (administrado, abonoj, anoncoj): **UEA:** ✉ Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando; tel.: +31 10 436 10 44, fakso: +31 10 436 17 51; ret-adreso: <uea@inter.nl.net>. **Redakcio:** Kontakto, ul. Rabochaja 24, kv. 29, Jalto, Krimeo, UA-98612, Ukrainio; ret-adreso: <kontakto@tejo.org>. **Redaktoro:** Paŭlo Moĵajev (Ukrainio) **Tipografiisto:** Lucas Vignoli Reis (kun helpo de skipo de Preface Design, <http://www.preface.com.br>). **Korektisto:** Aleksandro Galkin (Rusio/Germanio). **Presado:** Skonpres, Bydgoszcz (Pollando), ret-adreso: <skonpres@poczta.onet.pl>. **Konstantaj kunlaborantoj:** Joel Amis (Usono), Tatjana Auderskaja (Ukrainio), Daniel Richard Bebelacqua Acosta (Urugvajo), Daniele Binaghi (Italio), Olivier Gaudefroy (Francio), Etsuo Miyoshi (Japanio), Olubunmi Osho-Davies (Niĝerio), Maksim Petrov (Kazaĥio), Saliko (Finnlando), Aneta Ubik (Germanio), Jefim Zajdman (Ukrainio). **Facilingvaj Artikoloj** estas verkitaj en la niveloj *tre facila* kaj *facila*, laŭ la vortolisto de Kontakto. Tiu listo aperas en la unua numero ĉiujare. **Anonctarifo:** tutpaĝa 350 EUR, 1/2-paĝa 190 EUR, 1/4-paĝa 100 EUR, 1/8-paĝa 55 EUR, 1/16-paĝa 30 EUR. Anoncoj sur kovrilpaĝoj kostas duoble. Por E-organizaĵoj 50% da rabato. Varbantoj de ekstermovadaj anoncoj ricevas makleraĵon de 30%. Por anoncoj bv. kontakti UEA. **Anoncetoj:** por *Anonctabulo* kostas tri internaciajn respondkuponojn kontraŭ dek vortoj. Bv. sendi rekte al la redakcio aŭ al UEA. **Abontarifo:** varias laŭlande. Petu informojn de UEA. **Malfortvidantoj:** povas ricevi voĉlegitan eldonon senpage. Sendu 60-minutajn kasedojn al Elise Lauwen, Salahutuplein 40, NL-5262 ZN Vught, Nederlando. **Kontakto en radioj:** Regiono / tempo (UTC) / metroj / frekvencoj (kHz): Radio Havano (Kubo) Okcidenta kaj Norda Ameriko kaj Pacifika Azio / 7:00/31/9 820; Tuta Ameriko kaj Karibio / 15:00, 23:30/25/11 760; Eŭropo Mediteranea/ 19:30, 22:00/21/13 715; <http://216.138.240.229/rc4> (je la 15-a horo UTC), <http://roi.orf.at/esperanto/es_demand.html> (laŭ mendo tra la servilo de Austria Radio Internacia). ***La redakcio kaj la eldonanto ne respondecas pri la opinioj de unuopaj aŭtoroj.***

# Intervjuo kun la nova redaktoro de *Kontakto*

*Ekde la sekva numero* Kontakto *havos novan redaktoron. Ni uzas la okazon por konatigi lin kun la legantoj kaj ekscii pri liaj redaktoraj planoj.*




***Kontakto.*** *Saluton, Rogener! Unue, gratulojn pro la elektiĝo kiel redaktoro de Kontakto! Certe, la legantoj de la revuo scivolas pri la nova estro de la revuo, do bonvolu iom rakonti pri vi.*
***Rogener Pavinski.*** Saluton al ĉiuj legantoj de Kontakto! Mi estas Rogener Pavinski, mi naskiĝis kaj loĝas en Brazilo.

***K.*** *Tradicia demando por ĉiu esperantisto: kiel kaj kiam vi eksciis pri Esperanto? Kiel vi lernis ĝin? Kiam kaj kiel vi eniris la movadajn aktivadojn?*
***R.*** Mi ekkonis Esperanton, kiam mi estis pli-malpli 12-jara, dank' al eta manlibro pri la lingvo, kiun mia frato alportis hejmen. Li frekventis unu-tagan rapidkurson kaj neniam plu interesiĝis pri la lingvo. Tiam mi iom legetis la libron kaj trovis la aferon interesa, sed ne havis la eblon plu informiĝi aŭ lerni. Estas rimarkinde, ke kiam ni estas infanoj, ni ne povas prijuĝi la aferojn tiel, kiel ni faras tion jam plenkreske.

Post pli-malpli 10 jaroj en la urbocentro mi ekvidis afiŝon pri senpaga kurso, invitis mian amikon kaj ni decidis ekviziti ĝin. La lernado poste okazis per pluraj diversaj formoj. En 2002, kiel ankoraŭ freŝa esperantisto, mi partoprenis mian unuan internacian renkontiĝon – la IJKon en Pato Branco (Brazilo), kaj tie konatiĝis kun kelkaj brazilaj aktivuloj. Tiam mi komencis agadi en BEJO (Brazila Esperantista Junulara Organizo).

***K.*** *Pri kio vi okupiĝas/is en la E-mondo?*
***R.*** Mi iam respondecis pri la (ne plu ekzistanta) muzika retejo Suda Kruco (parto de la fama Ĝangalo), poste mi estis redaktoro de la BEJO-gazeto "Momenton", Ĝenerala Sekretario de BEJO, Komitatano A ĉe TEJO por EUROKKA kaj TEJO-estrarano pri Landa Agado. Krome, mi partoprenis la kreadon kaj muntis la filmetojn "Esperanto estas" kaj ludas en la rokgrupo "Supernova".

***K.*** *Pri kio vi okupiĝas profesie? Ĉu vi laboras aŭ studas?*
***R.*** Mi laboras ĉefe kiel filmisto kaj due kiel muzikisto. Mi ludas gitaron en roka grupo semajnfine en kelkaj noktaj kluboj kaj drinkejoj.

***K.*** *Kiujn lingvojn vi posedas?*
***R.*** La portugalan, la anglan kaj Esperanton. Mi ne estas ege entuziasma pri lernado de lingvoj. La anglan mi lernis en lernejo kaj praktikis kantante metalrokajn kantojn ☺.

***K.*** *Kiujn hobiojn (krom Esperanton) vi havas?*
***R.*** Mi pasias pri muziko ĝenerale, mi havas kelkajn muzikajn projektojn (inkluzive "Supernova"-n), kaj mi povas diri, ke mia metalroka grupo, "Tormenta", estas mia ĉefa ŝatokupo (nur pro tio, ke ĝi ne donas monon), tamen mi okupiĝas pri ĝi tre serioze. Do, ĉefe mi estas homo, kiu ŝatas muzikilojn, teknologion (tamen, ne ĝisfunde, kiel kelkaj esperantistoj ☺), motorciklojn kaj kuiri vegetare.

***K.*** *Kiam vi konatiĝis kun Kontakto kaj kiun opinion ĝenerale vi havas pri la revuo?*
***R.*** Mi konatiĝis kun ĝi en 2005, kiam mi aniĝis al TEJO. De tiam ĝia grafika aspekto ne plaĉis al mi. Estis iom

kaosa ordo de artikoloj. Tamen, mi legis plurajn interesajn artikojn en Kontakto kaj ĉiam pensis, ke eblus fari pli por ĝi. Pluraj ideoj jam venis en mian kapon, nun venis la tempo konkretigi ilin.

**K.** *Kiaj do estas viaj planoj kaj intencoj rilate al la revuo? Kion vi planas fari kiel ĉef-redaktoro?*
**R.** Estos malfacila laboro. Mi eĉ iom timas pensante, ĉu mi sukcesos realigi ĉiujn planojn kaj ideojn. Unue, ni kreos retpaĝon por la revuo. Kune kun ĝi estos kreitaj Kontakto-profiloj en la sociaj retoj (kiel Facebook, ekz). Per ili ni provos esti pli konstante en kontakto kun la legantoj kaj la eblaj kunlaborontoj. Ni provos tiel instigi ilian verkemon pli intense.

Plie, ni kreos konstantajn rubrikojn pri diversaj temoj, pli draste provos refreŝigi la grafikan aspekton kaj planas ŝanĝi la skemon pri la ĉeftemoj. Ni vidos ankoraŭ pli detale, kion indas fari koncerne tion.

**K.** *Dankon por viaj respondoj. Mi deziras al vi sukcesojn pri via redaktora laboro kaj esperas, ke ĉiuj viaj planoj estos realigitaj!*
**R.** Mi profitas la okazon por gratuli kaj danki ankaŭ vin, Paŭlo, pro la laboro pri Kontakto. Krome, mi volus atentigi ĉiujn ŝatantojn de la revuo, ke mi certe bezonos la helpon de ĉiuj nunaj kaj ontaj kunlaborantoj kaj legantoj por daŭrigi la laboron kaj efektivigi la ŝanĝojn, kiuj estas planataj. Do ne hezitu komenti kaj proponi! Kontakto venas al gravaj ŝanĝoj – ni faru ilin kune!

# Unufoje en Savano...

*La urbo Savano estas la malnova ĉefurbo de la ŝtato Georgio, kaj savananoj fieras pri tio, ke ilia urbo estas pli malnova, pli bela, pli rafinita, pli fantom-plena, pli... vi nomu ĝin! ol la nova georgia ĉefurbo – Atlanto. Laŭ la usonaj mezuroj, Savano estas vere malnova: ĝi estis fondita en 1733. Fantomoj "loĝas" en Savano ekde la komenco kaj estas parto de la loka pejzaĝo, same kiel la plur-jarcentaj kverkegoj kun la "barboj" de pendanta musko. Iuj fantomoj venas de la malnovaj rakontoj de la unuaj enmigrintoj, kiuj lasis la terojn de siaj prauloj por serĉi aventurojn trans la maro. Sed la plejparto de la rakontoj naskiĝis surloke: ja en Savano la kvanto de mortintoj multe superas la kvanton de vivantoj, kaj vi ne povas fari eĉ unu paŝon sen trafi ies ostojn sub la tero. La fantomoj prenos la honoran lokon ankaŭ en ĉi tiu rakonto.*

Ĵenja Amis, Ukrainio/Usono

**La unua konatiĝo**
Savano renkontis nin per perfekta tropika pluvego: la akvo falis de la ĉielo kvazaŭ oni verŝis ĝin el barelo (ial en la novaĵoj oni ĉiam diras, ke oktobro estas la plej seka monato en Georgio – ne kredu!). Por ni, lacaj post la tranokta vojaĝo el Atlanto, malsekaj ĝisoste kaj malsataj, la varma manĝaĵo kaj senlima kafo en la kafejo "Clarie's" estis vere paradizaj. Tiu ĉi kafejo estas ŝatata loko de la lokanoj, aparte por semajnfina matenmanĝo kaj babilado. "Clarie's" fariĝis nepra turista vizitindaĵo ekde la 90-aj jaroj, ĉar kelkaj scenoj de la skandala libro (kaj poste filmo) "*Midnight in the garden of good and evil*" – "Noktomezo en la ĝardeno de bono kaj malbono" – okazis en ĝuste ĉi tiu kafejo.

Kaj nun mi devas iom devojiĝi kaj rakonti iom pri la filmo – granda sukceso kaj profito por la loka turismo. La rakonto estas bazita sur realaj eventoj – mistera murdo de la juna amanto de loka novriĉulo – kaj kvankam ĝi ne estas ekzemplo de alta literaturo (kiel diris konato de mia edzo, "vera rubaĵo ekde la unua paĝo ĝis la lasta!"), ĝi tamen estas interesa kaj atentokapta. Ĝuste pro tio, ke ĝi priskribas realajn homojn (plejparte ekscentrulojn, kiuj daŭre vivas en la urbo), la libro kaj la filmo fariĝis ege popularaj kaj skandalaj. Por doni la ideon pri "ekscentreco", mi priskribu nur kelkajn verajn homojn, kiuj aperis en la filmo: jen servisto, kiu ĉiutage promenigas neekzistantan "fantoman" hundon – tute ne pro la frenezeco, sed por plenumi

kondiĉojn de sia kontrakto, ĉar promenigi hundon estis parto de ĝi. Jen maljunulo, kiu ĉiam portas ujeton kun veneno kaj promesas meti ĝin en la urban akvorezervujon por veneni ĉiujn en la urbo ("ĉar ĉiuj jam komplete tedis lin"); por kompletigi la bildon mi aldonu, ke li havas plurajn muŝojn ligitajn per ŝnuretoj al liaj vestoj. Nu bone, nun vi komprenas, kiujn mi celas per "lokaj ekscentruloj", kaj mi revenu al la rakonto.

Posttagmeze la pluvo transformiĝis el "tropika pluvego" en simple "pluvon" – bonŝance, estis sufiĉe varme, kaj do ni iris esplori la urbon. La urbocentro de Savano fakte ne similas al kutima urba plano: ĝi ne havas ĉefan urboplacon, sed havas aron da kvadrataj placetoj-skvaroj kun larĝaj aleoj kun gigantaj kverkoj. La pli multaj skvaroj estas nomitaj omaĝe al iu famulo, historia evento kaj havas statuon, fontanon kaj aliajn interesaĵon. Nun la skvaroj de Savano estas ŝatataj kaj tre romantikaj lokoj por promenadoj, kvankam originale la "ŝakeca" strukturo de la urbo havis tute utilismajn celojn: pro la rektaj travideblaj vojoj oni tuj povus rimarki, ĉu venas iuj invadantoj, kaj la skvaroj estis faritaj por militistaj trejnadoj.

Unue, ni vizitis tre malnovan anglikanan preĝejon. Post la diservo ni estis preskaŭ perforte alvenigitaj al la societum-manĝetado en la apuda belega domo: estas malfacile eskapi de la loka gastamo! Pri la sud-usona gastamo necesas diri iom aparte: sudanoj estas tre babilemaj kaj gastamaj, kaj ili konsideras la nordanojn iom tro aferecaj kaj abruptaj. Simpla intersalutado en la sudo ofte daŭras almenaŭ 15 minutojn (ĝis duontago – depende de la cirkonstancoj), kaj kelnerino en restoracio rilate al vi neprege uzos la vortojn "kara", "miela", "dolĉa" kaj aliajn agrablajn adjektivojn. Eĉ senhejmuloj en Georgio estas pli ĝentilaj – antaŭ ol peti monon ili provos doni al vi senpagan gazeton, floron aŭ proponos doni vojklarigojn.

Do, la domo, kie ni "societumis", estis eĉ pli bela interne, ol ekstere. Kiel ni eksciis, tio estis la sama domo, kie rezidis la norda generalo Sherman fine de la fama bruliga marŝo "de Atlanto ĝis la maro" dum la Usona Interna Milito. Laŭ la lernolibra versio, Sherman ne bruligis Savanon ĉar li estis mirigita de ĝia beleco kaj prononis ĝin kiel kristnaskan donacon al Lincoln. Laŭ la versio de nia ekskursgvidanto (pri li – poste), tio okazis dank' al kelkaj lokanoj, kiuj loĝigis Sherman-on en la plej bela domo de la urbo, drinkigis, manĝigis kaj amuzis lin de mateno ĝis vespero, kaj tiel konvinkis lin ne bruligi la urbon. Sed, bedaŭrinde, ĝuste tiuj, kiuj tiel savis la urbon de la bruliĝo, estis poste konsiderataj kiel "perfiduloj"... Oni volis malkonstrui tiun ĉi domon, sed la anglikana komunumo elaĉetis ĝin por fari el ĝi sian societumejon.

**La fantom-industrio: ĉiam prospera!**

Vespere ni faris fantom-ekskurson en aŭto, kiu antaŭe servis kiel ĉerkoportilo. La amuza ŝoforo tuj anoncis al ĉiuj: "Tie, kie vi sidas, estis la kapo de la mortinto; kaj kie vi



*Pirata domo – foto de la aŭtoro*

sidas, kuŝis la piedoj. Kaj vi, meze, nu, vi mem komprenas!" Survoje la ŝoforo regalis nin per diversaj hororaĵoj kaj fantom-rakontoj, kaj montris la plej hantatajn lokojn en la urbo.

Por doni nur gustumeton, mi mencios la plej konatan fantom-rakonton. Ĝia ĉef-heroo estas Rene – tre granda fizike, bonkora kaj brakumema, sed iom mense malrapida adoleskanto. Pro tio, ke li ne konsciis pri sia forto, li kelkfoje neintence mortigis kelkajn bestojn, kaj kiam unufoje oni trovis unu knabinon mort-sufokita, oni tuj pensis, ke kulpas Rene. La urbanoj postulis, ke la gepatroj de Rene fermu lin en la domo kaj ne lasu eliri eksteren. Unu vesperon, kiam ili estis for, en la kvartalo okazis fajrego, kaj Rene eskapis el sia hejma prizono. En la sama nokto malaperis eta knabino, kaj oni tuj akuzis Rene pri tio, trovis kaj kruele murdis lin. Post kelkaj tagoj la knabino reaperis tute sana: ŝi simple perdiĝis en la fajrega kaoso... "Oni diras, ke ĉiunokte Rene aperas en la loko, kie li estis murdita; oni nomas ĝin "ludejo de Rene"; fakte, ni estas ĝuste ĉi tie!!!" – diras la ŝoforo kaj subite haltas – nu, vi povas imagi ĉies kriojn (krom la mian, kompreneble!). Ŝoforo poste konfesis, ke dum jaroj en ĉi tiu loko oni povis vidi tute ne fantoman kaj tre realan "Rene" – tio estas, iun, kiu prezentis lin por amuziĝi kaj timigi turistojn, sed li ne plu faras tion jam dum kelkaj jaroj, ĉar unufoje li ricevis de iu veturanto bategon kontraŭ la nazon (tute merititan!), kiam li kaŝ-aliris la aŭton.

**Piratoj kaj denove fantomoj**

Sekvatage ni faris la nemaltrafindan trolebusan ekskurson kaj revidis la samajn hantatajn lokojn jam en sunlumo, reaŭskultis iom alian version de la rakonto pri la kompatinda Rene kaj lernis kelkajn novajn hororaĵojn. Por vespera trinkumado ni iris al pirata domo – unu el malmultaj lignaj konstruaĵoj de la 18-a jarcento, kiu bone konserviĝis ĝis nun kaj kiu nuntempe servas kiel restoracio. La nomo "Pirata Domo" ne estas simpla turista allogaĵo: siatempe ĝi estis trinkejo, kiun frekventis tute veraj piratoj kaj aliaj suspektinduloj. Onidire, Stevenson ekhavis la ideon verki la romanon "Trezor-insulo" ĝuste en ĉi tiu trinkejo, kaj li mencias ĝin plurfoje en la romano! Unu el la ĉambroj sur la dua etaĝo estas la ĉambro de kapitano Flint – en la romano li mortis en ĉi tiu ĉambro (kiu cetere estas por ĉiam fermita), kaj, onidire, lia fantomo daŭre vizitadas la domon. Jes, en Savano eĉ literaturaj herooj havas siajn fantomojn!

Dum ni ĝuis la faman koktelon kun la bela nomo "Krani-rompilo", faritan laŭ la originala pirata recepto kaj proponata en fals-kraniaj tasoj, oni varbis nin por plia fantom-ekskurso, dum kiu nia fantom-rakonta provizo riĉiĝis je deko da novaj fantomrakontoj kaj plia versio de la historio pri la kompatinda Rene. Krome, ni vidis la domon kun renversitaj fenestroj (fantom-konfuza rimedo) kaj barilo kun rompita vitro sur ĝi (fantom-timiga rimedo). Fine de la ekskurso ni revenis al ĝia ekir-punkto por




*Estas ĉiam vico al la restoracio de Mrs Wilkes – foto de la aŭtoro*

malsupreniri al la kelo: en la malnovaj tempoj inter la Pirata Domo kaj la haveno funkciis tunela vojo por kontrabandi varojn, alkoholon, sed ĉefe homojn (aŭ alimaniere dirite, "varbi novajn anojn por la ŝipanaro"). Por tiu fia ago oni eĉ uzis specialan verbon – "*to Shanghai*" – "ŝanhaji". Kial ĝuste ŝanhaji? Tre simple: jen vi trinkas vian rumon en Savano kaj – bum! – vekiĝas kun terura kapdoloro sur la ŝipo iranta al Ŝanhajo! Tiu ĉi fifama tunelo estas fermita por ĉiam – sed tra la trueto en la lignaĵo vi tamen povas klare vidi la tunelon, kaj tio igas viajn harojn hirtiĝi sur la kapo.

**Ekscentruloj: la plej abunda loka natur-rimedo**

En nia lasta tago en Savano ni decidis fari gvidatan piediran ekskurson. La vendisto de loka memoraĵejo, kiu vendis ankaŭ ekskursojn, avertis nin, ke la ekskursgvidanto estas "interesa persono". Kiel evidentiĝis, la ekskurs-grupo konsistis el ni du, sed tio ŝajne tute ne ĝenis la ekskursgvidanton. Unue, nia gvidanto Cecil avertis nin: "Kiam oni vidas, kiel mi promenas, oni tuj pensas, ke mi estas ebria. Mi ne estas ebria – mi estas simple preskaŭ blinda. Do jen, nun vi estas avertitaj. Kion vi volas ke mi montru al vi? Aŭ prefere diru, kion vi jam vidis" – "Ni faris la trolebus-ekskurson kaj..." – "Ho ve! Mi vere kompatas vin, do, vi jam ĉion fuŝis por vi – kiujn do stultaĵojn oni al vi rakontis?.." Tio estis interesa komenco! "Kaj poste ni faris fantom-ekskurson..." – "Nekredeble! Kiom multe da idiotaĵoj oni povas fari dum du tagoj! Kaj nun mi devas ĉion ripari..." Evidente, Cecil ĝuis sian rolon – la tuta ekskurso estis miksaĵo de interesaj historiaj faktoj kaj anekdotoj de la "interesa persono", ĉio spicita per plej politike malkorektaj komentoj. Do, ni komprenis, ke "interesa persono" vere signifas "tipa savana ekscentrulo"! Antaŭ ol ĝisrevidi nin, Cecil rekomendis manĝi iom da "veraj produktoj" en la restoracio de Mrs. Wilkes.

**"Veraj produktoj"**

Kaj nun mi devas klarigi pri "veraj produktoj". En la loka slango, "veraj produktoj" ("*real groceries*") signifas "bonegaj manĝaĵoj". Kaj la restoracio de Mrs. Wilkes – la fina punkto de nia itinero – estas fama pro la abundo de "veraj produktoj". Ĝi estas tiom fama, ke ili eĉ neniam faras reklamon en gazetoj aŭ ĵurnaloj: la grandega vico de klientoj venas ĉiutage per la natura reklamo de konatoj al konatoj. Tiu restoracio troviĝas en la kelo de familia domo, kaj ĝi naskiĝis de la genie simpla ideo kaj modesta iniciato: proponi hejm-faritan manĝaĵon al turistoj en vere hejma etoso. Nun ĝi certe estas unu el la plej famaj lokoj en la urbo (se ne la plej fama), kaj tutcerte – la plej interesa. Ĉe Mrs. Wilkes vi pagas "por manĝo" – ne por la plado: vi prenas ĉion, kion vi deziras, kaj vi sidas (kaj babilas) ĉe la tablo kun nekonatoj. Al ĉiu tablo oni portas la samajn 10-15 diversajn pladojn (viandon, legomojn, desertojn kaj nepran "tablovinon de la sudo" – dolĉan glaci-teon). Por tiuj, kiuj ne estis en la usona sudo, mi aldonos la lokan difinon de "legomoj" ("*vegetables*") – tio estas ĉio, kio ne estas viando, pano, dolĉaĵo aŭ trinkaĵo. Sekve, makaronioj kun fromaĝo, supo, rizo kun kolbaso ktp. estas "legomoj" laŭdifine. Nu, Cecil finfine estis prava pri almenaŭ io – la manĝaĵoj ĉe Mrs. Wilkes estis "veraj produktoj"!



*La domo kie oni loĝigis generalon Sherman – ĝi nun apartenas al anglikana preĝejo – foto de la aŭtoro*

# La antikvaj moroj de la konganoj

Kongo *estas unu el la ĉefaj triboj de la Demokratia Respubliko Kongo. La konganoj troviĝas ankaŭ en Angolo, Kongo Brazavila kaj en Gabono. Antaŭ la koloniado la konganoj vivis en la reĝolando Kongo, kiu etendiĝis sur la teritorio de la tri supre menciitaj landoj. Nzinga Nkuvu estas konsiderata kiel ĝia lasta reĝo; post la katolika bapto fare de la koloniantoj li fariĝis Alfonso la Unua. Estas li, kiu faris kontrakton kun la portugaloj pri la koloniado. La ĉefurbo de nia fama reĝolando estis* Mbanza Kongo. *Etimologie,* "mbanza" *signifas urbo, do* "mbanza kongo" *signifas "urbo de kongo".*

Arlain Kizeydioko, Kongo

Paroli pri la kredoj de la konganoj estas iom malfacile, ĉar citi ilin unu post la alia povas lacigi la leganton. Niaj praavoj, tiuj pedagogoj, havis genian manieron instrui ilin dum rakontado de fabeloj kaj rankotoj. Do iom post iom kaj laŭgrade la konganoj lernis multajn proverbojn, kutimojn kaj kredojn. Tio okazis pro la manifestado de ĝojo kaj malĝojo en la emociplenaj rakontoj kaj fabeloj.

La bonaj moroj estas fonto de paco kaj feliĉo por popolo. Humileco, modesteco, pudoro, ekzisto de vigla kaj sana junularo regis en la reĝolando Kongo. Se hodiaŭ la konganoj aliiĝis, tio okazis pro la influo de la fremduloj, kiuj estis avidaj pri mono kaj plezuro.

Antaŭ la koloniado, en sia propra medio la konganoj sin sentis diskrete kontrolataj de la propra klano, kaj konsekvence ili ĉion faris por eviti skandalon. En la praavaj tempoj la infanoj neniam forlasis siajn hejmojn, ĉar ili timis esti viktimo de venenigo aŭ forrabo aŭ esti venditaj kiel sklavo. La junuloj respektis la bonajn morojn. Se infano malbone kondutis, oni batis lin per vipo, kaj se malgraŭ la avertoj kaj severaj punoj de la gepatroj la infano ne ŝanĝis sian konduton, oni alportis lin al la vilaĝestro, kiu siavice devis lin tre severe puni publike antaŭ ĉiuj vilaĝanoj. Se tiuj punoj ne sufiĉis, la infano devis esti vendita kiel sklavo. Se post multaj avertoj viro persiste kondutis malbone, kuŝante kun alies edzino, oni forigis liajn testikojn. La virino, kiu estis kaptita en malbona konduto, estis vipita. Se malgraŭ tio ŝi denove falis en la kaptilon, oni forvendis ŝin kiel sklavinon. Se iu seksperfortis knabinon, oni devigis lin pagi grandan monsumon al la gepatroj de la knabino.

La koloniado fare de la okcidentaj religioj kaj la nova civilizo ĉion ŝanĝis. La konga popolo aliiĝas dum la vojaĝoj kaj restadoj en fremdaj lokoj, pro la ludoj, la noktaj promenadoj, la nemoralaj dancoj, en la multeco de plezurdomoj.

Nuntempe, malgraŭ la ŝanĝiĝo, la konganoj estas unu el la plej respektemaj popoloj de Centra Afriko, kaj la spuroj de la antikvaj moroj estas rimarkeblaj en ilia vivmaniero. La konganoj estas ŝparemaj, kondutas dece kaj multaj el ili posedas la plej grandan virton – la honestecon.

Mi ne estas tribisto, sed mi atente obsevas ĉion ĉirkaŭ mi. Multaj triboj heredis de siaj praavoj la kulturon de malpaco, diboĉo kaj ia stranga vivmaniero. Tial dum la antikva periodo niaj praavoj ne toleris, ke iliaj gefiloj geedziĝu kun partnero el alia tribo. Tamen, certe, en ĉiu tribo kaj nacio oni povas trovi kaj bonajn, kaj malbonajn homojn.



*La foto de Julien Harneis*

# La Ĉernobila katastrofo

*Ĉernobilo... Jen la loko, kiu restos por ĉiam konata kiel la loko, kie en la jaro 1986 okazis radiad-katastrofo. La loko, kiun vi verŝajne ne volos viziti la duan fojon (kaj iuj, certe, eĉ tute ne volus ĝin viziti). Pri Ĉernobilo estis verkitaj multaj artikoloj kaj libroj, filmitaj multaj dokumentaj filmoj, okazis diskutoj kaj prelegoj – malĝoja kaj misa famo. Eĉ la bando "Pafklik" mencias Ĉernobilon en la kanto "Fino de la mondo". Dank' al tiu ĉi katastrofo la kontraŭuloj de atoma energio havas vere fortajn argumentojn kontraŭ ĝia uzo. Tamen oni ofte forgesas, ke jam antaŭ Ĉernobilo okazis similaj katastrofoj en Usono, kvankam ne kun tiom da gravaj postsekvoj, pro kio oni ne parolas pri ili same ofte.*

Miroslav Hruška, Ĉeĥio



*Sur la grundo la radiado estas pli aktiva – foto de la aŭtoro*

Hodiaŭ, 24 jarojn post la katastrofo, oni tute kutime uzas la atoman energion, ekzistas multe da atomcentraloj, eĉ la heroo de la serio "La Simpsonoj", Homer, la patro de la fama flava Usona familio, laboras en tiu entrepreno. Krome, la kontraŭuloj ankoraŭ ne trovis la solvon, kiu estus pli efika, ol la atoma energio. Eble jam en ne tre fora estonteco ni uzos alternativan energion, sed nun ni havas atoman energion. Se en la atomcentraloj vere laboras ekspertoj, ne estas iuj kialoj por timi.

**Kio tamen okazis en 1986?**

Laboro en Ĉernobilo signifis monon kaj vivan certecon. Proksime al la centralo oni konstruis la urbon Pripjat. Ĝi estis urbo de junaj familioj kun infanoj.

Nokte de la 25-a al la 26-a de aprilo personaro de la kvara bloko de la centralo faris kelkajn gravegajn erarojn. La unua peko kontraŭ la instrukcioj, kiu kaŭzis la averion, estis longdaŭra malŝalto de la sistemo de averia malvarmigado (tio estis farita por organizi eksperimenton pri lanĉo de averia sistemo de energo-provizo) post kio oni komencis malaltigi la povumon de la reaktoro. La sekva eraro de la personaro estis abrupta falo de la povumo de la reaktoro ĝis 30 megavatoj, per kio preskaŭ tute haltis la reakcio en la reaktoro. En tiu momento la operatoroj devus fini la eksperimenton kaj definitive "estingi" la reaktoron, ĉar ĝi jam ne estis stabila. Tamen la operatoroj decidis daŭrigi la eksperimenton. La potenco pligrandiĝis kaj stabiliĝis je 200 megavatoj. Tio kaŭzis la rapidan varmiĝon de la malvarmiga akvo, pro kio la reaktoro daŭre emis nestabile pligrandigi sian povumon. Pro la konstrukciaj misoj de la reaktoro kaj la malŝalto de la averia malvarmiga sistemo estis jam ne eble rapide haltigi la reaktoron, kio finfine kaŭzis du grandajn eksplodojn, kiuj ruinigis ĝin.

Pro la eksplodoj mem mortis nur du homoj. Tamen la ruiniĝo de la reaktoro kaŭzis radioaktivan malpuriĝon de la ĉirkaŭaj teritorioj, pro kio rekte aŭ malrekte suferis

multegaj homoj.

Certe, la negativaĵoj pro la katastrofo estas multegaj. Tamen, ja eblas trovi ankaŭ ion pozitivan. Unue, la sciencistoj-fizikistoj kaj inĝenieroj faris multajn gravajn konkludojn pri la funkciado de reaktoroj kaj pri la eventualaj postsekvoj de ilia misfunkciado. Due, Ukrainio ja ricevis unu novan vizitindan (kvankam malgajan kaj misfaman) turisman lokon.

**Ĉu Ĉernobilo estas alloga loko por kuraĝaj turistoj?**
Jes ja! Palmoj jam estas enuigaj, nun furoras reaktoroj! Faru ekskurson en la Landon de neniu!

21 jarojn post la averio (en la jaro 2007) mi vojaĝis kun miaj Esperantaj amikoj en Ukrainion. Dum planado de nia vojaĝo ni eksciis, ke ekzistas minimume tri ekskurs-agentejoj, kiuj prizorgas vojaĝon en Ĉernobilon. Estante en Kievo ni kontaktis unu el ili kaj la kvinan de julio 2007 ekveturis en Ĉernobilon.

Tiun ĉi tagon mi sendube povas opinii unu el la plej signifaj en mia vivo. Kun nia gvidanto ni vidis la urbon Ĉernobilo (en kiu fakte troviĝas la atomcentralo), la sarkofagon super la ruinigita bloko, poste – la urbon Pripjat, la riveron kun vrakoj de ŝipoj...

Eble vi demandos, ĉu la vojaĝo estas danĝera kaj riska. Ni estis informitaj, ke se ni iros piede sur betono kaj ne staros longe sur grundo, nenio serioza povas okazi. Miaopinie, la vizito de Ĉernobilo estas malpli riska, ol vizito de la landoj, en kiuj nuntempe okazas militaj konfliktoj. La gvidanto kutime parolas ruse kaj angle, la kutima ekskurso daŭras ĉirkaŭ dek horojn, el kiuj ĉirkaŭ ses horojn oni troviĝas en la dek-kilometra zono ĉirkaŭ la reaktoro. Oni povas viziti la malpurigitan teritorion ankaŭ memstare, sed por tio oni devas ricevi specialan permeson (kompreneble, oni ne bezonas tiun ĉi permeson, se oni ekskuras helpe de ekskurs-agentejo). Se oni havas la deziron, eblas viziti eĉ sarkofagon por mallonga tempo – ĉio dependas nur de via kuraĝo...

Se al vi ne sufiĉis tiu ĉi teksto kaj la bildoj, simple vizitu Ĉernobilon memstare! Unu el bonaj ebloj por tio estos ekzemple IJK en 2011 apud Kievo...

RETE

<**http://eo.wikipedia.org/wiki/Nuklea_akcidento_de_Ĉernobilo**> – *Vikipedia artikolo pri la katastrofo*
<**http://www.newlogic.ua/en/services/tours/chernobil.php**> – *Priskribo de la ekskurso al Ĉernobilo en la paĝaro de ekskurs-agentejo "New Logic" (en la angla).*

# En la akvujo

Gabrielo Olúbùnmi Òshó-Davies, Niĝerio/Ĉinio

Ne demandu min, kiom da jaroj mi havis tiam, nek pri la motivo malantaŭ la afero, kiun mi nun volas priskribi. Mia koro estis tro juna por povi teni aŭ reteni multajn aferojn. Tamen, kvankam pli ol tri jardekoj jam amasiĝis sur la afero, mia jam matura koro sukcesis teni la memoron ĝis hodiaŭ. Ŝajnas, ke en la vivo certaj aferoj neniam povas esti entombigitaj en la nebulo de pasinteco. Ili restas eterne freŝaj.

En mia urbeto tiam ekzistis tri elementaj lernejoj, kaj ili apartenis al la tri malgrandaj preĝejoj, kiuj tiam troviĝis tie. Pro tio, ke mia familio partoprenis diservojn ĉe la Metodista Preĝejo, mi do iris al la Metodista Elementa Lernejo. La lernejo estis tre-tre proksima al nia hejmo, do se mi estus ankoraŭ hejme kvin minutojn antaŭ la komenco de lernado, mi ankoraŭ povis atingi la lernejon ĝustatempe.

Mi estas la kvina el sep gefiloj, sed ŝajnis, ke mi ne bone konis miajn pli aĝajn gefratojn, ĉar niaj malriĉaj gepatroj devis peti ilin resti ĉe iuj malproksimaj parencoj. Mi ne memoras, kiom da miaj gefratoj restis ĉe miaj gepatroj en la tago, pri kiu temas tiu ĉi rakonto, sed certe ni ne estis multaj. Mi ankaŭ ne memoras, ĉu la plej juna membro de la familio jam naskiĝis.

En tiu tago la suno frumatene leviĝis, rapidigante la homojn de mia urbeto al iliaj tagaj laboroj (la plimulto de la homoj estis terkulturistoj). Mia diligenta panjo, kiu estis vendistino, pretigis min por la lernejo kaj konsilis al mi bone konduti.

Pro tio, ke mi studis nur en la unua aŭ dua studjaro, mi kaj la najbaraj samjaraj geknaboj ĉiam finlernis je 12.30 posttagmeze, sed la geknaboj, kiuj jam atingis la 3-an aŭ la 6-an studjaron, devis resti en la lernejo ĝis la dua horo posttagmeze. Do, tiun tagon, kiam ni finlernis, iu knabo (kiu estis iom pli juna ol mi) kaj mi revenis hejmen. Mi kaj la knabo estis parence malproksimaj je du aŭ tri generacioj (lia patrino kaj mia patro havis la samajn geavojn). Kiam ni revenis, ankoraŭ ne revenis iu ajn plenkreskulo, ĉar estis ankoraŭ tagmezo. Do, ni decidis kunludi. Pro foresto de iu ajn plenkreskulo ni libere ekfaris danĝerajn aferojn. Ekzemple, ni grimpis sur la supron de domo kaj gajege provis aliajn danĝerajn aferojn. Ni maksimume profitis de la foresto de niaj gepatroj.

La klimakso de nia ludo estis, kiam ni vizitis iun subteran akvan basenon. Laŭ ĝia konstruo, ĝi estis kvazaŭ subtera ĉambro. Laŭ mia memoro, ĉiam kiam pluvis, oni malfermis ĝian enirejon, kiu aspektis kiel fenestro, por direkti pluvakvon en ĝin. Tiel oni povis havi sufiĉe da akvo por fari diversajn purigajn aferojn. Per nia komuna peno ni malfermis la fenestron kaj, direktinte niajn voĉojn al la nevidebla malluma fundo de la akvujo, ni gaje bruis kaj ridis, kaj ni ricevis respondojn en la formo de nia eĥo. Kiam mi pensis, ke ni ambaŭ jam spertis nian amuzon ĝis la maksimuma grado, tiu knabo tamen sopiris pri io pli granda.

Ĉu li volis trovi alian amuzon? Aŭ ĉu mi diris ion, pro kio li nun koleris kaj volis trovi alian kunludanton? Mi ne sciis, ke dum mi ankoraŭ penis rigardi la fundon de la akvujo, la knabo jam staris kaj por momento pruntedonis sian koron al la diablo. Donu vian koron al la diablo – kaj li jam posedos vian tutan korpon! Ricevinte sufiĉe da povo de sia nova portempa majstro, la etaj manoj de mia kunludinto puŝis min en la akvujon...

En mia tuta vivo iu terura mano jam gvidis min al multe da malbonaj spertoj. Mi jam elspezis jardekojn por serĉi la signifon de vivo. Mia koro jam sensukcese sopiris pri respondoj por miloj da demandoj. Foje, kiam vi iras surstrate, vi renkontas homojn, sed vi ne scias, kiom da ili dolorĝemas en siaj koroj, ĉar sur la vizaĝoj ne troviĝas larmoj. Certaj ŝarĝoj estas, laŭ destino, forprenitaj fare de aliaj helpemaj homoj. Certaj estas deprenitaj, kiam la portinto finfine trovas eternan ripozon en sia tombo. Jen la certa fakto: ĉiu ŝarĝo estas finfine levita.

Laŭ destino mi ne devis morti juna. Fakte, mi foje kredas, ke mi atingos preskaŭ 100 jarojn. Do, kiam mi atingis la fundon de la akvujo, mi frapis la fundon ne per mia kapo, sed per mia flanko. Ankaŭ helpis la fakto, ke la akvujo tiam ne havis multe da akvo. Se tute mankus akvo, mi eble mortus, ĉar la fundo estis farita el betono. Alie, se estus multe da akvo, mi dronus. Mi ne memoras, kiom da minutoj mi restis en la akvujo, sed mi certe sciis, ke mi tiam estis la mastro de mia destino. Mi ankoraŭ havis la ŝancon vivi, do mi devis elpreni mian vivon el kiu ajn mano, kiu tiam tenis ĝin. Neniu plenkreskulo estis baldaŭ venonta, kaj tiu knabo jam forkuris pro la timo. Mi rapide suprenrigardis kaj trovis, ke sur la muro, de la fundo de la ujo ĝis la enirejo, estis kelkaj metalaj hokoj, kiujn oni konstruis por helpi al la homoj en- kaj eliri. Bonĉance por mi la distancoj inter la hokoj ne estis tro larĝaj. Mi ne memoras, kiom da doloro mi sentis tiam, ĉar mia sola klopodo estis nur vivi. Do mi ekgrimpis ĝis la surfaco helpe de la hokoj.

Kiam revenis mia patrino, ŝi trovis min kuŝanta, kovrita per granda litkovrilo, ploranta. Mi tuj diris ĉion, kio okazis, al ŝi. Ege surprizita, ŝi diris ĉion, kion mi diris al ŝi, al la patrino de la knabo kaj al aliaj najbaroj. Oni petis la knabon konfirmi mian rakonton, sed li diris, ke mi mensogis. Ankaŭ la najbaroj opiniis, ke mi mensogis. Oni diris, ke mi ne povus elvivi, se mi vere falus en la akvujon. Pro tio, ke ĉiuj najbaroj ne kredis al mi, mi sentis grandan doloron en mia koro.

Estas iu diro en la joruba lingvo, kiu tekstas jene: idolo kiel patrino ne ekzistas. Tiu diro prezentas la ideon, ke la patrino reprezentas preskaŭ ĉion bonan. Panjoj eterne amas kaj eĉ kiam iliaj idoj jam plenkreskas ili ankoraŭ volas ame gvidi ilin. Via idolo aŭ dio scias ĉion pri vi kaj komprenas vian elkoran ĝemon. Same, kiam vi ankoraŭ ne kapablis paroli, via panjo komprenis vian krion. Ŝi sciis, kiam ŝanĝi vian veston, kiam nutri vin, kiam kuŝigi vin kaj kiam lavi vin. Ili certe estas idoloj. Ne ĉiu homo kun utero meritas la nomon "panjo", kaj ne ĉiu, kiu jam naskis multajn bebojn, meritas ĝin. Sed se vi staras antaŭ la virino, kiu meritas tiun ĉi sanktan alnomon, malrapide kaj klare eldiru la vorton "p-a-n-j-o" kun rideto kaj granda riverenco. Miaopinie, patrineco estas tiom profunda, ke neniu koro kapablas esplori ĝin, ĝi estas pli adorinda, ol iu ajn idolo. Patrineco estas religio!

Kvankam neniu kredis mian rakonton, mia patrino rifuzis ne kredi min. Mi tute ne sciis, kial. Eble ŝi ne volis perdi la ŝancon konservi mian vivon. Eble, per sia patrina instinkto ŝi sciis, ke mi ne mensogis. Ŝi tuj metis iom da akvo en la poton kaj boligis ĝin. Per tuko metita en la varmegan akvon ŝi lerte premis ĉiun parton de mia korpo kaj masaĝis min per certa oleo. Tion ŝi faris multajn tagojn ĝis mia plena resaniĝo. Mi ne vizitis hospitalon. Tiu virino, kiu konis min eĉ antaŭ ol mi mem ekkonis min, kiu ĉiam diligente masaĝis mian korpon, serĉante, ĉu ie troviĝas iu kaŝita vundo, per humila oleo de amo resanigis min.

Hodiaŭ tiu knabo, nun viro, estas kontisto en iu granda banko. Li eble ne povas memori, kion li diris al mi. Aŭ eble, li ĉiam memoras, ke li iam pruntedonis siajn manojn al la diablo…

# Perreta lingvolernado

*Esperantistoj ĝenerale estas lingvemaj homoj. Se ankaŭ vi volas lerni lingvon krom Esperanton aŭ plibonigi viajn konojn de lingvo, kiun vi iam ajn eklernis, interreto estas grandega helpilo. Multaj homoj eĉ ne scias, kiom helpa la reto povus esti por lingvolernado, do jen mia analizo de la plej praktikaj retpaĝoj por lingvolernantoj.*

Judith Meyer, Germanio

Unue, por ekgustumi lingvon, mi kutime legas artikolon pri ĝi en Vikipedio (*http://eo.wikipedia.org*) kaj trarigardas la plej gravajn frazojn, kiujn mi trovas (kun surbendigoj) ĉe *http://travlang.com/languages/*. Multe pli kompleta frazlibro, kvazaŭ kurso, troviĝas ĉe *www.50languages.com*, sed tie ne haveblas Esperanto kiel bazlingvo, nur kelkdek aliaj lingvoj. Por malgrandaj kaj malmulte uzataj lingvoj ege taŭgas la paĝo *http://foreignlanguageexpertise.com/museum1.html*, kiu helpas ekhavi la impreson pri la sonado de la lingvo.

Interreto povas proponi multe pli, ol nur gustumon de lingvo. Vi povas ankaŭ lerni lingvon enrete tute senpage; ekzistas multegaj senpagaj interretaj lingvokursoj. Tiuj ofte (sed ne ĉiam) estas malpli bonaj aŭ malpli kompletaj, ol la kursoj aĉetitaj, sed ekzistas ankaŭ bonegaj kompletegaj kursoj enrete, ekzemple la novgreka kurso de *Kypros.org* kun pli ol cent lecionoj, aŭ la korea kurso proponata de Sogang-Universitato. Foje oni povas rete trovi ankaŭ la kurson, kiu estis aŭ eĉ daŭre estas vendata, ekzemple la usona *Foreign Service Institute* permesis enretigon de siaj kursoj por multegaj lingvoj ĉe *www.fsi-language-courses.org*. Certe, multaj retpaĝoj instruas en la angla lingvo, sed ne ĉiuj. La plej rekomendindaj kurs-retejoj estas tiuj, kiuj instruas nur unu lingvon, kiel *www.Lernu.net* por lerni Esperanton. Do vi mem devos serĉi la kurson por via dezirata lingvo en via gepatra lingvo, aŭ vi povos uzi retejon kiel *www.LiveMocha.com*, kiu uzas rektan metodon por instrui diversajn lingvojn (tamen bezonatas kono de unu el ĝiaj lingvoj por registriĝi).

Krom kompletajn kursojn, la reto ofertas ankaŭ aliajn bonegajn ilojn. Mi listigos ilin laŭcele.

**Vortoj:** *www.slovnyk.org* estas sufiĉe bona multlingva vortaro surbaze de Esperanto, kaj *www.yourdictionary.com/languages.html* listigas enretajn vortarojn por ĉiu ajn lingvo. Inter la rimedoj de *www.unilang.org* vi trovos temajn listojn de vortoj kaj liston de ĉ. 600 plej bazaj vortoj en multegaj lingvoj. Se vi ne certas, kiel bone uzi iun vorton, aŭ kiel ĝuste diri ion, jen *www.tatoeba.org* – datumbazo de frazoj, en kiu vi povas serĉi vian vorton. Por parkerado de vortoj nepre elprovu la liberan programon Anki (havebla ĉe *http://ichi2.net/anki/* ), kiu estas multoble pli bona, ol komercaj programoj.

**Gramatiko:** ekzistas interretaj gramatikoj (ekz. la kompleta PMEG) same kiel kursoj, sed ne eblas rekomendi unu paĝon por ĉiuj. Mi nur menciu *www.verbix.com*, kiu scipovas konjugacii ajnan verbon en pli ol kvindek lingvoj.

**Prononcado:** se vi ne scias, kiel prononci fremdlingvan vorton, *www.forvo.com* havas grandegan datumbazon de surbendigoj faritaj plejparte de denaskuloj de ĉiu lingvo. Se vi deziras ekscii, kiel prononci tutan frazon aŭ tutan tekston, iru tamen al *www.rhinospike.com* kaj petu tie, ke iu surbendigu sian prononcadon.

**Legkompreno:** certe vi jam admiris la funkcion, per kiu oni povas klaki al iu ajn Esperanta vorto en la tuta Lernu-paĝaro por ricevi la tradukon. Nun tiu funkcio haveblas por ĉiu ajn retpaĝo en kelkdek lingvoj per *www.wordchamp.com* (iru al “Web Reader”). Se vi lernas la hispanan, vi do povus iri al la retejo de, ekzemple, popularа meksika gazeto kaj la ilo helpos vin kompreni la tekston. Tio estas pli rapida, ol serĉado en vortaro, kaj la ilo trovas ankaŭ konjugaciitajn formojn. Cetere, jen alia bonega uzo de interreto por lerni lingvojn: senpage kaj komforte ricevu gazetajn novaĵojn en via cellingvo. Eblas trovi ankaŭ multege da literaturo enrete, ekzemple per *www.gutenberg.org/catalog/*. Se vi preferas simpligitajn tekstojn, ekzistas retejoj, kiuj ofertas tiujn, speciale *www.LingQ.com*, kiu havas funkciojn similajn al *Wordchamp*, sed nur por la tekstoj en tiu paĝaro.

**Aŭdkompreno:** sonlibroj (libroj por aŭskulti) populariĝas nun, sed ofte multekostas. Ĉe *www.librivox.org* vi povas trovi liberfontajn, senpagajn sonlibrojn en diversaj lingvoj. Sed se via aŭdkompreno ankoraŭ ne sufiĉe bonas, serĉu cellingvajn videojn ĉe *www.dotsub.com* kaj rigardu ilin kun la subtitoloj aŭ en via lingvo, aŭ en la cellingvo. Cetere, vi povas elŝuti la subtitolojn por viaj plej ŝatataj cellingvaj filmoj ĉe *www.filmoj.net* (Esperante) kaj *www.opensubtitles.org* (diverslingve).

**Skribado:** por perfektiĝi, indas multe skribi en via cellingvo. Tial mi ŝatas la servon de *www.lang-8.com*, kie denaskuloj senpage korektos viajn fremdlingvajn tekstojn. La paĝaro *www.busuu.com* estas simila, tamen ĝi ankaŭ proponas kursojn kun la ideoj pri kio skribi.

**Parolado:** eĉ se vi loĝas en malgrandega vilaĝeto meze de nenio, vi povus ĉiutage paroli vian cellingvon. Kiel? Uzu *www.italki.com/?hl=eo* (aŭ unu el multaj similaj retpaĝoj) por trovi partnerojn, kiuj parolos kun vi per Skype. Ili helpos al vi lerni sian lingvon kaj vi helpos ilin lerni vian lingvon, aŭ la lingvon, kiun vi flue parolas. Oni kutime parolas duonhoron en unu lingvo kaj duonhoron en la alia lingvo. Se vi ne havas la tempon aŭ ankoraŭ malkapablas paroli, trovu instruiston ĉe *www.myngle.com* aŭ *www.edufire.com* – al la instruisto vi devos pagi, kompreneble. La reto ebligas al vi kunlaboron kun denaskulo de ajna lingvo, vi eĉ povos elekti la plej bonan instruiston inter multaj; en via urbo eble ekzistas nur unu tia, aŭ eĉ neniu.

**Cetere:** se vi havas demandon pri la lingvo, kiun vi lernas, se vi ne komprenas la gramatikon, bezonas helpon pri trovado de retpaĝoj, serĉas rekomendindan lernolibron aŭ ne scias, kiel efike lerni, ekzistas multaj forumoj, kie vi trovos la respondojn. Similspeca Esperanta forumo estas *www.learnlangs.com/lingvoforumo*. Se vi scipovas la anglan, rekomendindas ankaŭ *www.unilang.org/forum* por prilingvaj demandoj kaj *www.how-to-learn-any-language.com/forum* por demandoj pri efika lernado aŭ diversaj lernolibroj.

Ĝojan lingvolernadon!

P. S. Se vi konas pliajn bonajn retejojn por aŭ pri lingvolernado, bonvolu raporti pri ili ĉe *www.learnlangs.om/lingvoforumo*!

# Tertremo en Tangshan, 1976

*Julie en Ĉinio aperis sur la ekranoj la filmo titolita "Forta tertremo en Tangshan, 1976". Feng Xiaogang reĝisoris ĝin, dum lia edzino Xu Fan ĉefrolis. La filmo rakontas pri tio, kiel dum tertremo patrino alfrontis la dilemon: oni povis savi nur unu el ŝiaj gefiloj, kaj finfine ŝi decidis savi la filon. Tamen la filino mirakle elvivis kaj poste estis adoptita de paro de oficiroj. De tiam la patrino kaj la filino ne vidis unu la alian dum 32 jaroj! La filmo memorigas pri la realaj okazaĵoj de la tertremo, kiu okazis en 1976.*

Yu Jianchao, Ĉinio

La intrigo de la filmo estas ligita al du grandaj tertremoj. La unua okazis la 28-an de julio 1976 en Tangshan, urbo en la nordo de Ĉinio. Dum nur 23 sekundoj la urbo malaperis kaj 240 mil homoj pereis. Post pli ol 30 jaroj, la 12-an de majo 2008, tertremo trafis la distrikton Wenchuan en Sichuan, provinco de sudokcidenta Ĉinio. Sume pli ol 90 mil personoj pereis. Dum savado de la viktimoj de tiu lasta tertremo oni vaste uzis la terminon "mensa savado" – tio estas psikologia helpo al la viktimoj de naturaj katastrofoj: post ili multaj homoj suferas pro morto de la familianoj, vundiĝo de sia korpo, detruo de la hejmoloko kaj perdo de la havaĵoj. Kompreneblas, ke la viktimoj reagas al la okazaĵoj ne nur korpe, sed ankaŭ mense. Se la seriaj reagoj daŭras longe aŭ estas tro fortaj, tio povas kaŭzi mensan malsanon. La esploroj montras, ke la ofteco de mensaj perturboj post serioza katastrofo estas ĉ 10-20%. Tial en la lastaj jardekoj la mensa kuracado jam fariĝis unu el la helpaj savrimedoj nepre necesaj post katastrofoj.

La filmo trafe priskribis ne nur la damaĝon, kiun la tertremo faris al la urbo, sed ankaŭ la fendiĝon de la homa koro. La patrino kaj la filino dum 32 jaroj vivis turmentate de diversaj doloroj. La patrino ĉiam kulpigis sin pri sia elekto, dum ĉe la filino ĉiam fantome ripetiĝis la voĉo de la patrino, kiu decidis savi la pli junan fraton. 32 jarojn fluas la sango el la korfendo de la patrino kaj la filino! La reĝisoro Feng Xiaogang diris, ke post tertremo oni povas rekonstrui la hejmlokon sur ruino, sed malfacile forviŝeblas la ruino en la fundo de koro.

En la filmo ni vidas, ke la elvivinta filino aranĝas sian vivon en Kanado kaj fariĝas patrino de bela knabino. Kiam ŝi informiĝas pri la Wenchuan-tertremo, ŝi senhezite revenas en la patrolandon kaj aliĝas al la medicinistaro por savi la viktimojn. Tie ŝi neatentite renkontas ŝian pli junan fraton, kiu perdinte brakon en la tertremo antaŭ pli ol 30 jaroj ankaŭ senhezite partoprenas la sav-laborojn.

Laŭ la reĝisoro, la rakonto ne estas tute fikcia, ĉar kiam okazis la tertremo en Sichuan, la Tangshanaj kuracistaro kaj savtaĉmento alvenis al la loko de la katastrofo kiel la unuaj. Tangshan ankaŭ sendis la unuan volontularon konsistantan el psikologoj kaj psikaj konsultistoj por helpi al la homoj trankviliĝi post la timego; Tangshana orfo Zhang Xiangqing donacis 110 milionojn da juanoj – la plej grandan sumon, venintan de privatulo – por helpi la suferintojn. La filmo ne simple temas pri la mensa savado post la katastrofo, sed ankaŭ malkaŝas la homecon profunde kaŝitan; ĝi estas tenera rakonto, kiu faras demandon pri humanismo.

# Subtenu la agadon de TEJO!

Ekzistas multe da ebloj helpi TEJOn en ĝia agado. La plej gravaj estas membriĝi aŭ patroniĝi. Sed vi povas helpi ankaŭ al konkretaj agaderoj de TEJO.

Mondonacojn por ĝenerala agado de TEJO bv. Pagi al la UEA-konto "tejtej" (indiku la celon de la donaco, ekz: "donaco por KER" aŭ "donaco por landa agado"). Ankaŭ eblas fari donacon por specifaj celoj:

- Fonduso "Partoprenu IJKon" – per ĝi TEJO subvencias la partoprenon de TEJO-aktivuloj en IJK;
- Pasporta Servo – eble la plej fama eldonaĵo de TEJO.

Por pliaj detaloj pri pagmanieroj, bv. rigardi ĉe <www.uea.org/alighoj/pag_manieroj.html> aŭ demandi ĉe la Centra Oficejo.

TEJO dankegas vin pro via subteno!

## JUNA AMIKO – Internacia E-revuo de ILEI por lernejanoj kaj komencantoj

- aĝas 30 jarojn kaj aperas 3-foje (aprilo, septembro, decembro) sur po 52 plurkoloraj paĝoj kun plenkoloraj kovriloj;
- havas kunlaborantojn el ĉiuj kvin kontinentoj;
- rabato ĝis 50%!

Karakterizas ĝin:
*Modela stilo kaj facila lingvaĵo* (1500 vortradikoj sen glosoj), *enhavo tre varia:* rakontoj, fabeloj, raportoj, informoj, interesaĵoj, enigmoj, kvizoj, versaĵoj, ludoj, kantoj, humuro, lingvaj konsiloj, interkulturo, kuriozaĵoj, voĉo de legantoj k.a. kun multaj ilustraĵoj.

JUNA AMIKO estas fonto de taŭgaj legaĵoj por komencantoj, fidinda helpilo por E-kursgvidantoj.

Vizitu nian TTT-ejon: <www.junaamiko.inf.hu> aŭ en <www.lernu.net>!

## KOTIZTABELO DE UEA POR 2010

**MG** Membro kun Gvidlibro tra la Esperanto-movado
**MJ(-T)** Membro kun Jarlibro (kaj, ĝis inkl. 29 jaroj, membro de TEJO kun la revuo Kontakto sen plia abonpago)
**MA(-T)** Membro-Abonanto: kiel MJ(-T) plus la revuo Esperanto
**MA** ricevas la Jarlibron, la revuon Esperanto, kaj, ĝis inkl. 29 jaroj, la revuon Kontakto
**SA** Simpla abono al la revuo Esperanto, sen membreco en UEA
Kto Abono al la revuo Kontakto, sen membreco en UEA/TEJO
**SZ** Kotizo por Societo Zamenhof: mecenata kategorio (aldoniĝas al alia kotizo; ne inkluzivas membrecon en UEA)
**PT** Patrono de TEJO: pagas 3-oble la kotizon de MJ(-T) por subteni TEJO-n (ne inkluzivas membrecon); ricevas la revuon Kontakto kaj aliajn eldonajojn de TEJO

| Lando/valuto | MG | MJ(-T) | MA(-T) | SA | Kto | SZ |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Aŭstralio/dolaro | 16 | 40 | 100 | 60 | 36 | 200 |
| Aŭstrio/eŭro | 10 | 24 | 60 | 38 | 23 | 120 |
| Belgio/eŭro | 10 | 24 | 60 | 38 | 23 | 120 |
| Brazilo/eŭro | 5 | 12 | 30 | 18 | 11 | 60 |
| Britio/pundo | 8 | 20 | 50 | 32 | 19 | 100 |
| Ĉehio/krono | 170 | 420 | 1050 | 670 | 400 | 2100 |
| Danio/krono | 70 | 180 | 450 | 285 | 170 | 900 |
| Estonio/krono | 105 | 260 | 650 | 415 | 250 | 1300 |
| Finnlando/eŭro | 10 | 24 | 60 | 38 | 23 | 120 |
| Francio/eŭro | 10 | 24 | 60 | 38 | 23 | 120 |
| Germanio/eŭro | 10 | 24 | 60 | 38 | 23 | 120 |
| Greklando/eŭro | 10 | 24 | 60 | 38 | 23 | 120 |
| Hispanio/eŭro | 10 | 24 | 60 | 38 | 23 | 120 |
| Hungario/forinto | 1700 | 4300 | 10750 | 6850 | 4100 | 21500 |
| Irlando/eŭro | 10 | 24 | 60 | 38 | 23 | 120 |
| Islando/eŭro | 10 | 24 | 60 | 36 | 22 | 120 |
| Israelo/eŭro | 7 | 18 | 45 | 27 | 16 | 90 |
| Italio/eŭro | 10 | 24 | 60 | 38 | 23 | 120 |
| Japanio/eno | 1300 | 3200 | 8000 | 4800 | 2900 | 16000 |
| Kanado/dolaro | 14 | 35 | 87 | 52 | 31 | 174 |
| Latvio/lato | 4 | 11 | 27 | 17 | 10 | 54 |
| Litovio/lido | 20 | 50 | 130 | 80 | 50 | 260 |
| Nederlando/eŭro | 10 | 24 | 60 | 38 | 23 | 120 |
| Norvegio/krono | 80 | 200 | 500 | 300 | 180 | 1000 |
| Nov-Zelando/dolaro | 20 | 50 | 125 | 75 | 45 | 250 |
| Pollando/zloto | 25 | 60 | 150 | 95 | 55 | 300 |
| Portugalio/eŭro | 8 | 20 | 50 | 32 | 19 | 100 |
| Rusio/eŭro | 5 | 12 | 30 | 18 | 11 | 60 |
| Slovakio/eŭro | 7 | 17 | 42 | 27 | 16 | 84 |
| Slovenio/eŭro | 8 | 20 | 50 | 32 | 19 | 100 |
| Svedio/krono | 95 | 240 | 600 | 380 | 230 | 1200 |
| Svislando/franko | 15 | 38 | 95 | 57 | 34 | 190 |
| Usono/dolaro | 13 | 32 | 80 | 48 | 29 | 160 |
| TARIFO A/eŭro | 6 | 16 | 40 | 24 | 14 | 80 |
| TARIFO B/eŭro | 5 | 12 | 30 | 18 | 11 | 60 |

**ALIAJ LANDOJ** Luksemburgo laŭ Belgio; Kipro kaj Malto laŭ Slovenio.
**TARIFO A** Bahamoj, Honkongo, Korea Resp., Singapuro, Sud-Afriko, Tajvano.
**TARIFO B** Ĉiuj ceteraj landoj ne jam menciitaj.

## ĈU VI SERĈAS KORESPONDAMIKON?

Sendu al Koresponda Servo Mondskala jenajn detalojn: nomo, adreso, sekso, aĝo, profesio, geedza stato, kiom da korespondantoj vi deziras, en kiuj landoj kaj pri kiuj temoj. Kunsendu 2 internaciajn respondkuponojn, aŭ, se ili ne estas aĉeteblaj en via lando, ne uzitan poŝtmarkon. La servo estas senpaga por tiuj kiuj loĝas en malriĉaj landoj, laŭ la tarifo B de la kotiztabelo de UEA. KSM transdonos viajn informojn al alia(j) korespondemulo(j), kiu(j) konformas al viaj deziroj. Vi ricevos rektan respondon. KSM estas servo de UEA.

Skribu: **Koresponda Servo Mondskala,**
**33 rue Louvière, FR-55190 Void-Vacon, Francio**
**ksmesperanto@wanadoo.fr**
**www.multimania.com/kosomo**

# Interŝanĝi... poŝtkartojn!

*Ne ekzistas homoj, kiuj ne revus vojaĝi kaj komunikiĝi kun la amikoj, kiuj loĝas en aliaj landoj. Ofte niaj deziroj flugi al varmaj landoj kaj ĝui varmegan sablon estas limigitaj de niaj ebloj, sed la soifon pri komunikado oni povas limigi per nenio. Mi volas rakonti al vi pri unu simpla maniero ekhavi multajn amikojn el la tuta mondo kaj iĝi originala kolektanto.*

Sergej Korol, Rusio

Provu diveni, kio estas la plej facila kaj malmultekosta maniero sendi informeton en ĉiun ajn landon de la mondo al ĉiu ajn homo, eĉ se tiu ne havas komputilon? Ĝuste – oni povas sendi al li poŝtkarton! La prezo de poŝtkarto en la plimulto de landoj egalas proksimume al la prezo de ladvazeto kun biero, dum la homoj, kiuj ne havas la adreson, estas tre malmultaj. Same malmultas tiuj, kiuj ne ekĝojus pro ricevo de la poŝtaĵo el fora kaj nekonata lando.

En la reto ekzistas interesa servilo, kiu ĉiam iĝas pli kaj pli populara inter la homoj, kiuj ŝatas komunikadon. Temas pri postcrossing.com – la servo de poŝtkart-interŝanĝo. Por ekuzi ĝin necesas registriĝi en la paĝaro, plenigi negrandan enketilon kaj indiki vian poŝtan adreson. Post la registriĝo vi ricevos kvin hazardajn adresojn de ŝatantoj de la poŝta komunikado el diversaj landoj de la mondo. Poste ĉio dependos de via propra imagipovo. Vi povas ekuzi frazlibron kaj skribi al la korespondanto kelkajn frazojn en lia gepatra lingvo, vi povas desegni ion aŭ eĉ surglui – ĉio, kio aperos sur la poŝtkarto dependos nur de via fantazio.

Unu el la plej gravaj partoj de via sendaĵo (krom la adreso, certe), estas speciala poŝtinterŝanĝa kodo. Ĝi povas aspekti, ekzemple, jene: RU-786573. La ricevinto de letero plej unue enigis tiun kodon en la paĝaro kaj per tio registras la ricevitan karton en la sistemo. Dank' al tio vi povas kontroli la tempon, dum kiu vojaĝis la poŝtkarto kaj eble eĉ fari rapidec-rekordon (aŭ malrekordon, kio ja ofte okazas al mi).

Ofte la adresoj povas esti tre komplikaj kaj malfacile skribeblaj (ekzemple, en Ĉinio kaj multaj orientaj landoj). Por tiu okazo en la paĝaro ekzistas la eblo elprinti la adreson sur eta paper-peco kaj alglui tiun al la poŝtkarto. Sendepende de la enhavo de la poŝtkarto, ĉiam aparte interesaj estas la poŝtmarkoj. Kiel diris fama rusia esperantisto Boris Kolker, poŝtmarko estas la vizitkarto de la lando. Rigardi markojn, penante diveni la famajn homojn kaj originalajn monumentojn, estas ĉiam ege interese.

Nepre enrigardu la profilon de via onta korespondanto. Iuj interŝanĝemuloj aparte mencias siajn dezirojn pri la poŝtkartoj. Iu kolektas la malnovajn, iu kolektas la bildkartojn kun pontoj, filatelistoj indikas la preferojn pri poŝtmarkoj. Mi, ekzemple, ege ŝatas katojn kaj ĉiam ĝojas ricevi novan tiuteman bildkarton (kaj mi jam ricevis multajn!).

Menciindas, ke inter la uzantoj de la paĝaro postcrossing.com multas ankaŭ esperantistoj. Provu do ankaŭ vi! Registriĝu, aĉetu poŝtmarkojn kaj sendu viajn poŝtkartojn. Ne gravas, ke inter la forsendo kaj ricevo de la unuaj poŝtkartoj povas pasi multe da tempo. Vi ja certe ricevos multajn amikojn en diversaj lokoj de la mondo.




*La poŝtkartoj el la kolekto de la aŭtoro*